


# INTERNACIA FERVOJISTO

2012. 3

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Atendante la kongreson

Ankoraŭ unu monato, kaj komenciĝos la 64-a IFEF-kongreso en la germana urbo Herzberg. Mi pensas, ke multaj fervojistaj esperantistoj jam ege atendas tiun gravan eventon. Kelkaj atendas la kongreson pro la renkontiĝo kun geamikoj, por ke ili renovigu la malnovan amikecon, aŭ kelkaj el ili ŝatus konatiĝi kun novaj esperantistoj, kaj elformi novajn interamikiĝojn. Aliaj atendas la kongreson pro la belegaj ekskursoj, por ke ili ekkonu la kongreslandon, la kongresurbon, la ĉirkaŭaĵon kaj regionon. Multaj iros al la kongreso, por ke ili ĝuu la kulturprogramon de la kongreso, kaj konatiĝu la kulturojn kaj folklorojn de la kongreslando. Aliaj atendas la distrajn programojn por danci, kaj „sennube" amuziĝi. Eĉ kelkajn partoprenantojn interesas la fakaj programoj, fakprelegoj, fakaj ekskursoj kaj la oficialaj kunsidoj.

Laŭ la nova propono en Herzberg okazos naŭ-sesia seminario, en kies kadro la ILEI-prezidanto gvidos la instruadon por la fervojistaj eĉ nefervojistaj instruistoj kaj kursgvidantoj, aŭ por ĉiuj partoprenantoj, kiuj volas evoluigi kaj plibonigi la lingvoscion. Mi esperas, ke multaj kongresanoj elektos tiun eksterordinaran eblecon, kaj tiu iniciato havos sukceson, kaj en la sekvaj kongresoj kontinuos tiu instruad-ebleco.

En Herzberg okazos ankoraŭ alia grava evento, kiam la urbestro inaŭguros la placon kaj parkon antaŭ la ĉefstacidomo en Herzberg kiel „Esperanto-Platz" (Esperanto-Placo), kaj la strateton ĉe la stacidomo kiel „Joachim Giessner-Weg" (Joachim Giessner-Vojo). Mi esperas, ke la kongresanoj amase partoprenos en tiu solena evento.

Mi pensas, ke ĉiuj kongresanoj trovos la plej atendatajn eventojn en Herzberg, eĉ ili povos elekti el plurspecaj kaj diversaj programeroj. Mi deziras al la kongresanoj multajn elekteblajn, riĉajn programojn, belegajn veterojn dum la kongressemajno, kaj al la LKK sukcesajn organizadon kaj neplendatan kongreson.

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

**Trajno vaporlokomotiva en la Harz-montaro en Germanio.**

## Enhavo:

# NOVAĴOJ EL HERZBERG

La redaktoro de IF ricevis du sciigojn de la Interkultura Centro Herzberg (ICH). La unua letero alvenis en februaro, kaj enhavis la detalan kulturan programon de la 64-a IFEF-kongreso, jene:

*Kantado kaj muziko*
Ralph Glomp el Hamburgo;
Kantisto Manuel el Italio;
Alfons Hoffmann el Herzberg (tenoro) kaj Ulrich Kohlrusch (pianisto);
Miksita koruso el Herzberg sub gvido de Andre Wenauer;
Gimnazia koruso, ekz. Esperanto-himno, Eŭropa-himno;
Esperanto-koruso sub gvido de Otto Kern;
Fervojista koruso el Hanovro sub gvido de s-ro Kopats;
Grupo Bajazzo el Osnabrück;
Blovorkestro Sieber;
Blovorkestro Lonau.

*Aliaj kulturgrupoj, kontribuantoj*
Granda internacia fervojista uniformparado;
Esperanto-urbestro Gerhard Walter;
Historia fervojista grupo el Minden;
Harzklubo Pöhlde (Folklora grupo);
Esperanto-kurso fare de Stefan MacGill (ILEI);
Radioamatoroj;
Famaj Esperanto-kolektantoj, ekz. Hans Jankowski, Stany Rynduch;
Multaj fakprelegoj;
Librobazaro kaj aŭkcio;
Festhoroj;
Multaj interesaj ekskursoj kaj vizitoj;
Speciala ekspozicio: „Fervojo kaj Esperanto” (en la bela kastela muzeo);
Ekspozicio: „Pentraĵoj de lokomotivoj” (gimnazio kaj futurateliero Herzberg);
Certe ankoraŭ pluaj pozitivaj novaĵoj.

La dua letero alvenis en marto, kaj en ĝi – interalie – estis skribita:
„Hodiaŭ aperis en la regiona gazeto „Harz Kurier” granda artikolo kun foto de la stacidomo kaj parko ĉe la stacidomo en Herzberg. La kialo estas, ke la 21-an de marto la urba konsilantaro de la urbo Herzberg UNUANIME voĉdonis por:

a./ Esperanto-Platz (Esperanto-Placo) por la grava placo kaj parko antaŭ la ĉefstacidomo en Herzberg (oficiala inaŭgura festo okazos la 20-an de majo 2012, okaze de la 64-a IFK en Herzberg).

b./ La strateto ĉe la stacidomo ricevos la nomon „Joachim Giessner-Weg" (Joachim Giessner-Vojo), okaze de la centjara naskiĝdatreveno (23.12.2013) de tiu fama, elstara kaj multtalenta Esperanto-pioniro. Joachim Giessner estis staciestro kaj vivis dum 33 jaroj en la urbo Herzberg."

Ambaŭ sciigo kaj novaĵo estas granda sukceso por Esperanto.

**István Gulyás**



# ĜUSTIGO

## pri la raporto de la kasisto, aperinta en IF 2012.2 sur paĝo 31.

En la tabelo „Bilanco je la 31-a de decembro 2011", ĉe la linio „SAEF-Fonduso 1700 Eŭroj" oni legu „SAFE-Fonduso 1700 Eŭroj". La supra linio „SAEF-Fonduso" rilatas al Svisio, dum la linio „SAFE-Fonduso" rilatas al Slovakio.

Pro la eraro pardonpetas la kasisto de IFEF

**Laurent Vignaud**



# ALVOKO

## Staĝo de Esperanto en franca montara regiono

La Franca Fervojista Esperanto-Asocio (FFEA) kun la helpo de la Esperanto-Sekcio de la Arta kaj Intelekta Unio de Francaj Fervojistoj (AFCE) organizas sian staĝon de Esperanto en Argentiére, Chamonix Mont Blanc (Alpa Regiono) de la 23-a ĝis la 30–a de junio 2012.

Interesuloj bonvolu peti detalan informon, aliĝilon, programon de Andrea Bertand en Liono (la retadreso: <obesperanto69@laposte.net>, aŭ de AFCE, 9 rue du Chateau-Landon – 75010 Paris ( http://ifef.free.fr/afce.htm).

**FFEA**

# ESTRARKUNSIDO DE IFEF EN FRANCIO

La printempa estrarkunsido de IFEF okazis en Francio, kunligita kun la jara franca fervojista Esperanto-kongreso. Ĉiuj restadoj en iu parto de Francio ĉiam donis al ni neforgeseblajn travivaĵojn, ĉar la vidindaĵoj, la elektitaj ekskursoj, la interesaj prelegoj kaj aliaj spektakloj, eĉ la kunestadoj kun niaj francaj fervojistaj geamikoj akiris agrablajn horojn al la estraranoj.

La franca fervojista kongreso kaj la estrarkunsido ĉijare okazis inter la 30-a de marto kaj la 4-a de aprilo en la urbo Angers. Dum la kongreso partoprenis pli ol 50 personoj, inter ili ok eksterlandanoj el Belgio, Ĉeĥio, Hungario, Italio, Kubo kaj Rumanio.

Angers estas la ĉefurbo de la departemento „Maine-et-Loire", kaj historia ĉefurbo de „Anĵuo-provinco". La urbo havas 156 mil enloĝantojn, ĝi estas la 17-a plej granda urbo en Francio, eĉ kun la ĉirkaŭurboj tie loĝas 283 mil personoj.

La devenon de la urbo la kronikoj taksas je antaŭ Kristo. En la epoko de romia imperio ĉi tie vivis galloj. Post mil jaroj okupis la urbeton la normanoj, kaj poste en la 10-a jarcento la Foulques grafoj ekloĝis tie. En la historio de Angers la 13-a -15-a jarcentoj estis la plej grava periodo, kiam reĝis la Anĵuaj grafoj. Multaj konstruaĵoj, postrestaĵoj troveblas en la malnova urboparto el tiu periodo. La plej impona estas la „Kastelo de Angers", kiun konstruigis Ludoviko la 9-a en la 13-a jarcento, kaj la Anĵuaj grafoj transformis ĝin al sinjora rezidejo en la 15-a jarcento. Tiu kastelo, eĉ fortikaĵo estis konstruita sur ardez- kaj kalkŝtona promontoro superstaranta la Maine-riveron. Tiu ĉi milita defenda konstruaĵo havas 17 rondformajn turojn, kiujn pro la reĝordono oni iomete malkonstruis. La kastelon poste oni uzis kiel malliberejon, poste kiel garnizonon, kaj dum la dua mondmilito kiel municiejon. Nun komence de la 21-a jarcento en la kastelo estas prezentata la plej granda tapiŝserio en la mondo: „Apokalipso", realigita fine de la 14-a jarcento.

La alia interesa kaj malnova konstruaĵo estas la hospitalo „Sankta Johano". Kvankam interne ĝi similas al preĝejo, ĝi estis konstruita kiel hospitalo, kaj tiel funkciis dum sep jarcentoj. Fine de la 19-a jarcento la hospitalo iĝis arkeologia muzeo, kaj en 1967 ekspoziciejo de la moderna murtapiŝaro, kiu entute longas 80 metrojn kaj larĝas 4,5 metrojn.

Sur la plej alta loko de la urbo staras la katedralo „Sankta Maŭrico". Ĝia nuntempa aspekto rezultas el pluraj konstruadoj de la 12-a ĝis la 16-a jarcentoj. Temas pri unu el la ĉefverkoj de la Anĵuo-gotika stilo, aŭ pli ĝuste, kunliga stilo inter la romanika kaj la gotika. Interesaj estas la fasado el la 12-a jarcento, du grandaj rozvitraloj, skulptita predikejo kaj granda orgeno.


*La kongresanoj kuniĝas por la kutima foto*

Angers havas ankoraŭ du malnovajn kaj belegajn


La kastelo de Angers

Angers havas ankoraŭ du malnovajn kaj belegajn preĝejojn, unu el tiuj estas la preĝejo de „Triunuo”, kiu konstruiĝis en la 12-a jarcento en romanika stilo. La alia estas la „Sankta Serge” preĝejo, kiu apartenis al la Benedikta-abatejo, kiun oni fondis en la jaro 654. Estas interese ke la urbon ĉirkaŭis kompleksa defendilaro, sed el la tiamaj remparoj postrestis nur kelkaj partetoj. Sur ilia loko nun troviĝas la bulvardoj ĉikaŭantaj la urbocentron.

Aliflanke de la rivero Maine situas la kvartalo „Doutre”. Dank' al la rivero-haveno, tie aperis la industrio kaj la komerco, kaj multaj burĝoj loĝis tie.

En la malnova urboparto troveblas ankoraŭ malnovaj trabfakaj domoj, malgrandaj kapeloj kaj klostroj, zig-zagaj stratetoj kaj aliaj postrestaĵoj.

Dum la kongreso okazis kelkaj tre interesaj ekskursoj al la provinco. La partoprenantoj vizitis la kastelon „de Serrant”, kiu estas la plej okcidenta el la Loire-kasteloj. La kastelo estis konstruita en la 17-a kaj 18-a jarcentoj en du etapoj, tamen la tuto prezentas harmonian arkitekturon. Anglostila parko el la 18-a jarcento ĉirkaŭas la kastelon kaj aliajn konstruaĵojn, la kolombejon, la oranĝerion kaj la ĉevalejon. En la kastelaj ĉambroj troviĝas ne nur eksterordinara meblaro el diversaj epokoj, sed ankaŭ artaĵoj, pentraĵoj, tapetoj kaj biblioteko kun 12000 volumoj.

La alia ekskurscelo estis la kastelo „Plessis-Bourré”, konstruita de 1468 ĝis 1473 sur loko de eksa monaĥejo. Ĝi estas transira kastelo, unuflanke temas pri kastelo el la fino de la mezepoko kun arkitekturo de defendcela fortikaĵo, kaj aliflanke temas pri plezurrestadejo montranta renesancajn aspektojn. Interne troviĝas multaj murtapiŝoj, pentraĵoj, mebloj, fornoj kaj kamenoj, eĉ ankaŭ kasona plafono pri alĥemistoj en la fama salono de la gardistoj.

Ni vizitis la muzeon „La mine bleue”, kie ni malsupreniris per kablotramo 130 metrojn sub la tersurfaco, kaj poste per mino-trajneto ni malkovris la ministan laboron. En la granda subtera kaverno ni vidis filmon pri la vivo de la ministoj. Subtere ĝis 1936 laboris la ministoj, kaj poste pro la ekonomia krizo bankrotis la posedanto, kaj finigis la laboron. De tiam la laboro daŭris nur tersurface ĝis la jaro 1986, kaj de tiam la minejo funkcias kiel muzeo.

Okazis vizito ankaŭ en la muzeo kaj uzino de „Cointreau”, kie oni kreas alkoholaĵojn el dolĉaj kaj amaraj oranĝŝeloj, kaj ni povis gustumi originalan koktelon. La alia vizito okazis en la fungo-kultivejo, kie la nuna posedanto kultivas ĉampinjonojn. Estis interesa vizito al la eksa sarkofago-kelo, la eksa ŝtonminejo kaj en vinkelo en la Layon montetoj.



*La belega kastelo"Plessis-Bourré"*

Inter la kulturaj kaj distraj programoj estis tre interesa la perbilda prezentado de Anĵuo, fare de Jeannine Daguin, la kanzonoj por la Loire-maristaro, kiujn prezentis la grupo „Ellébore", kaj la unuakta komedio de Raymond Schwartz kun titolo „La ostra perlo", fare de fervojista teatra kompanio.

Okazis du prelegoj. La unuan faris la konata esperantisto André Cherpillod sub la titolo „La mistera arto de la alĥemistoj". La prelego estis ne nur interesa, sed la preleganto instruis nin pri kelkaj nekonataj esprimoj kaj vortoj.



Partoprenantoj dum la fakprelego

La alian prelegon prezentis Miguel Ángel Gonzáles Alfonso el Kubo. Li estas instruisto, poeto, fervora esperantisto kun multaj Esperanto-postenoj. Li parolis per lumbildoj pri Kubo, ĉefe pri la vivo de la kubanoj, kaj pri la ĉefurbo Havano. Ambaŭ prelegoj estis tre interesaj kaj altnivelaj.

En la kadro de la kongreso okazis ĝenerala kunveno de FFEA, en kies kadro la ĉeestantoj traktis entute 19 tagordojn. Ili taksis la agadon de la Asocio;



*En amika rondo ĉe Jeannine*

la sukceson de la lasta IFEF-kongreso, okazinta en Liberec; la antaŭan nacian kongreson, okazinta en Séte; la diversajn staĝojn kaj aliajn okazintaĵojn. La partoprenantoj decidis pri la estontaj farendaĵoj, ĉefe pri la 65-a IFEF-kongreso, kiu okazos en Francio, kaj konstatis, ke la Franca Fervojista Esperanto-Asocio plenumis siajn entreprenitajn taskojn, kaj laboris efike. Fine Jean Ripoche ricevis oran, Jeannine Daguin arĝentan medalon de la Asocio pro la senlaca kaj efika agado por Esperanto en la kadro de la Franca Fervojista Esperanto-Asocio.

En la lasta tago okazis la printempa estrarkunsido de IFEF. Partoprenis ĉiuj estraranoj, la ĉefkomitatano kaj membro de la Redaktora Komisiono. Komence partoprenis la kubano Miguel, kiu studis la IFEF-statuton kaj adresaron, kaj li esprimis sian esperon, ke Kubo aliĝos iam al IFEF. En la kadro de la estrarkunsido ni ekzamenis la situacion de la preparlaboro de la 64-a IFEF-kongreso, kaj ni konstatis, ke la preparlaboro – malgraŭ la grava malsano de la prezidanto de LKK – kontinue kaj kontentige daŭras. Grava temo estis la elekto de la ĉefkomitatano kaj la anstataŭanto. La estraro kun ĝojo sciiĝis, ke la nunaj funkciuloj daŭrigos siajn agadojn, se la komitato reelektos ilin. La estraro iomete detale traktis pri la eblecoj de la venontaj IFEF-kongresoj. En 2013 la kongreso okazos en Francio, en la urbo Bordozo. La estraranoj studis la provizorajn aliĝilon, programon, kotizojn, atingeblecojn ktp. Laŭ la proponoj de la estraranoj, la LKK de la 65-a IFK modifos la diversajn kongresajn dokumentojn, kaj en Herzberg ili disdonos tiujn. La prezidantino proponis ekzameni la organizan eblecon por kongresi en 2014 en Hispanio aŭ en Italio, kaj en 2015 en Belgio, Italio aŭ en alia lando, eble ekster Eŭropo. En la kadro de la financaj aferoj la kasisto de IFEF detale konigis la ĝeneralan situacion, kaj la estraro konstatis, ke la financa stabileco estas trankviliga. La estraro provis analizi la situacion en kelkaj landoj, sed la ekzameno estis mankhava, ĉar multaj landaj asocioj ankoraŭ ne sendis jarraporton. Tamen la estraro konstatis, ke en kelkaj landoj – ĉefe en Serbio, Norvegio, Slovakio kaj Aŭstrio – la agado preskaŭ ĉesis pro la malkresko de la membronombro, pro la manko de gejunuloj, pro la maljuniĝado de la membroj de la landaj asocioj, kaj pro la manko de monhelpo. En la kadro de la redakciaj aferoj la redaktoro de IF petis la estraranojn verki artikolojn, sed ne nur de la estraranoj li petis tion, sed de ĉiuj funkciuloj de IFEF, eĉ de la komitatanoj kaj de la landaj asocioj de IFEF. La estraro traktis ankoraŭ pri la rilatoj kun UEA kaj FISAIC, eĉ kun aliaj fakaj asocioj, kiel UMEA, ISAE, ILEI.

Post la estrarkunsido la estraranoj faris denove mallongan urborigardon, kaj vespere intiman, komunan vespermanĝon ĉe Jeannine.

En la nomo de la estraranoj de IFEF mi dankas al la organizantoj Jeannine Daguin kaj Laurent Vignaud, kaj al ĉiuj helpantoj kaj kunlaborantoj la belegajn kaj neforgeseblajn tagojn en la anĵua medio.

**István Gulyás**

# EL KONGRESA LANDO

## Mödlareuth, simbolo de la dividita Germanio

Ankoraŭ en 1980-aj jaroj la tielnomata, 1381 km-jn longa „germana-germana landlimo apartenis al la plej severe gardataj landlimoj de la mondo. Temis pri la ŝtatlimo inter Federacia Respubliko Germanio kaj Germana Demokratia Respubliko.

La motivoj por divido de Germanio oni bezonas serĉi jam en februaro 1945, kiam okazis la Jalta konferenco, en kiu oni priparolis estontan formon de Germanio. En la 1945-jara „Potsdama pakto" Germanio estis dividita je kvar okupaciaj zonoj, nome nordokcidento al brita, sudo al usona, sudokcidento al franca, oriento al sovetia zonoj. Simile estis dividita ankaŭ la ĉefurbo Berlino, kie la sovetia sektoro ampleksis la plej grandan parton, ĉar por militakiro de tiu urbo la Ruĝa Armeo „pagis" per granda perdo de 300 000 mortigitaj kaj vunditaj armeanoj.


*Mödlareuth antaŭ la jaro 1989*

La 7-an de septembro 1949 el brita, usona kaj franca zonoj fondiĝis la Federacia Respubliko Germanio (FRG), kies ĉefurbo fariĝis Bonno.

Samjare la 7-an de oktobro el la sovetia okupacia zono fondiĝis la Germana Demokratia Respubliko (GDR). Ĝia ĉefurbo fariĝis la t.n. „orienta Berlino". Jam en majo 1952 la limo inter ambaŭ germanaj ŝtatoj estis fermita. Tio okazis, ĉar Sovetunio volis ĉesigi la onidiran „invadon de okcidentaj agentoj kaj sabotantoj", malkvietiga estis ankaŭ la amasa ŝtelfuĝo de inteligentularo kaj kvalifikitaj laboristoj el GDR. Poste en 1961 kulminis la situacio pro la konstruo de la t.n. „berlina muro" kaj ankaŭ per la tre intense rigora ŝtatlimgardado.

Ni ne opinias pli detale rememorigi pri la vaste konata situacio en Berlino, kiu fariĝis simbolo de la dividita Germanio. Ni prefere vizitu malgrandan vilaĝon Mödlareuth en limregiono de Turingio kaj Bavario. Tiu ĉi fariĝis unuafoje dividita jam dum Napoleonaj militoj en la jaro 1810, kiam la rivereto Tannbach, trafluanta la vilaĝeton, fariĝis landlimo inter Bavaria reĝlando kaj princlando „Reuss de pli juna linio". Ambaŭ partoj pli poste fariĝis konsistaĵo de la unuiĝinta Germanio. Vera divido de Mödlareuth okazis post la fino de la dua mondmilito kun apero de du novaj memstaraj germanaj ŝtatoj. La bavaria parto de la civito fariĝis parto de FRG, parto de la civito situanta en Turingio fariĝis parto de GDR.

En la jaro 1952 oni devige translokigis homojn loĝantajn rekte oriente apud la ŝtatlimo, kaj post la jaro 1956 la origine drat-lignan barilon anstataŭis 700 metrojn longa kaj 3,3 metrojn alta betona muro. Pro tio Mödlareuth ofte estis nomata „Malgranda Berlino". .a

La orientgermana parto de la vilaĝo estis severe gardata, estis eĉ malpermesite svingi manon al homoj en alia parto malantaŭ la muro. Malgraŭ tio al la okcidenta parto de la civito venadis multaj turistoj, dezirantaj propraokule vidi ĉi tiun „kuriozaĵon“. En la jaro 1983 la vilaĝon vizitis ankaŭ usona prezidento George Bush. La malfermo de la berlina muro unue alportis la malfermon de ŝtatlimaj transirejoj por piedirantoj la 9-an de decembro 1989; kaj pli poste ankaŭ la plenan malfermon de la limo. Samjare oni ankaŭ decidis krei „German-germanan Muzeon Mödlareuth“, kies ĉefa celo estis prezenti la historion de la germana divido, kaj tio ne nur de flanko pri teknika sekurigo de intergermana ŝtatlimo, sed ankaŭ laŭ la flanko de politikaj, ekonomiaj kaj aliaj interligoj. La muzeo konsistas el du partoj – el interna kaj ekstera ekspozicioj.



*Landlima kolono de GDR*


*La iama Gardoturo.*

En la interna parto la vizitanto povas spekti filmon, kiu dokumentas la dividon de la civito je du partoj, la evoluon de sekurigo de la limo ekde drataj bariloj ĝis la menciita betona muro. Tre elokventa estas parto de la filmo memoriganta remalfermon de la ŝtatlimo en decembro 1989.

En alia muzea konstruaĵo atendas la vizitanton la ekspozicio de veturiloj, havantaj rilaton al gardado de la limo. Nuntempe iomete komike efikas la komparo de tutterene uzebla aŭtomobilo Mercedes de la okcidentgermana lima polico kaj velkovrita „kuvo“-aŭtomobilo Trabant, kiun la orientgermanaj limgardistoj uzis ĉe la ŝtatlimo. En alia parto de la ekspozicio estas lokitaj paneloj, montrantaj historion de la ŝtatlimo kaj tre interese kaj detale faritaj panoramoj, bildigantaj specojn de ĝia sekurigo. Inter alia ĉi tie estis instalita ekspozicio kun titolo „Antaŭ malkonstruo de Berlina muro“. En ekstera ekspozicio oni povas ĉion vidi praktike, ne nur parton de origina betona muro, sed ankaŭ dratajn barilojn, betonajn observosekvajn garnaĵojn, aranĝojn por gardado de la limo fare de hundoj kaj simile. Eblas ankaŭ eniri en unu el betonaj gardoturoj. Dum la trarigardo nevole reaperas iuj scenoj de la spektita dokumenta filmo.

Pri la divido de Mödlareuth je du partoj ĝis nun memorigas ekzemple la fakto, ke ambaŭ partoj de la civito havas malsaman poŝtdirektan kodon. Pli multaj muzeoj dokumentas la dividon de Germanio, kaj la sekurigon de la germana-germana ŝtatlimo. Mödlareuth tamen apartenas al tiuj plej elokventaj muzeoj kaj meritas vian viziton.

Kompilis **Jindřich Tomíšek**

# Impresiga „Semajno de Internacia Amikeco“




*Partoprenantoj en SIA 2012*

Plurfoje mi jam rekomendis priatenti landon — ĝis nun iom neglektitan — RUMANION! Denove mi profitis la ŝancon partopreni aranĝon — por ni esperantistoj aparte signifoplenan: **SIA 2012!**

La akcepto en Busteni, en la jam „verdiĝanta“ hotelo MAGIC, kiun ni plene okupis, surprizigis nin la tuta personaro per bonveniga, tradicia servado: per pano, salo kaj „iom sekreta“ trinkaĵo! Sed la plej impresiga estis la E-lingva bonvenigo flanke de la hoteldirektorino, kiu lastjare „promesis“ lerni Esperanton! Kiom da homoj jam promesis tion?!

Sed ŝi sincere okupiĝas pri nia komuna lingvo! Diligente ŝi partoprenis ĉiujn kursojn kaj enhotelajn aranĝojn kaj montriĝis ne nur afabla kaj simpatia, sed ankaŭ inteligenta!

Cetere ŝi jam aliĝis por partopreni la publikigitan E-aranĝon en la „Danuba Delto“, en junio!

En la sama kadro oni povis ĝui diversspecajn programerojn: prelegajn, ŝportajn, ekskursajn, karnavalajn, ktp. Aldone mi profitis la ŝancojn kaj vizitis dufoje operejajn prezentadojn!

Dank`al subtena kunlaboro de ILEI okazis ankaŭ diversgradaj E-kursoj. Prof-ro Mihai TRIFOI eminente solvis ĉion kaj reagis laŭ aktuala neceso!

Partoprenante la IFEF-kongreson en Herzberg, li certe kontribuos same aktuale kaj pozitive rilate la kunlaboron IFEF/ILEI! Ne estas mia tasko informi ĉi-rilate la publikon pri tiu ĉi grava movada evoluiĝo! Sed mi tamen jam emas deponi mian konsenton!




*Martin Stuppnig en eminenta rumana E-rondo*

La aldonitaj fotoj prezentas partojn de la partoprenintoj, resp. la regintan etoson!

Sinceran dankon al la organizanta, progresema E-grupo „Amikeco“ en Braŝovo kies gvidantino estas la dume jam mondvaste konata, aktivega: IFEF-Prezidantino „RODICA TODOR“! Mondskale mi deziras al ŝi similan sukceson!

Dankon al ĉiuj kontribuintoj. Ĝis „Danuba Delto“!

**Martin Stuppnig**

# La 28-a INTERNACIA FESTIVALO EN XANTEN

**(27.12.2011 - 3.1.2012)**

La jarfina Internacia Festivalo prezentis altkvalitan programon kaj riĉan originan Esperanto-kulturon el pluraj landoj de la mondo. Dumtage ni ĝuis diversajn seriozajn prelegojn, seminariojn kaj aliajn interesajn aktivadojn. La vesperaj programeroj estis tradicie distraj.

Ĉi-foje oni elektis Xanten por realigo de la 28-a Internacia Festivalo. Ĝi situas apud la nederlanda limo kaj ne tre malproksime de Belgio kaj Luksemburgio. La kadra temo estis "Benelukso". Kun la urbo kaj la apuda arkeologia parko ni povis konatiĝi dum duontagaj ekskursoj.

Al la aranĝo aliĝis 121 geesperantistoj el 17 landoj. La plej foraj venis el Japanio, Brazilo, Israelo, Rusio. Partoprenis ĝin ankaŭ la germana ambasadoro en Rusio Ulrich Brandenburg kun sia edzino. La aranĝo komenciĝis per interkona vespero kun multaj amuzaj programeroj. La unuan tagon estis pritraktita la kadra temo. Matene okazis forumo, kiel enkonduko al pluraj prelegoj tuŝantaj tiun ĉi temon. Lerte gvidis ĝin Claude Nourmont kaj Kristin Tytgat. En la semajno eblis elekti el multaj aliaj prelegoj pri variaj temoj. Allogis ĉefe tiuj pri diversaj vojaĝoj. Amri Wandel el Israelo prezentis al ni afrikan kontinenton. En Tanzanio li surgrimpis la monton Kilimanĝaro. En Namibio ravis lin la Himba-tribo. Li entuziasme rakontis pri siaj aventuroj dum ni spektis nekutimajn pejzaĝojn. La franco Rémy Bouchet donis informojn kaj promenigis nin pere de belaj bildoj tra Laoso. Ugo kaj Annarosa el Italio partoprenis la unuan kongreson de Armena E-Asocio. Ili raportis pri la evento kaj parolis pri siaj spertoj en tiu ĉi reva lando. Tatjana Loskutova estis instrucele en Indonezio - la lando de ĉiama somero. Ŝi instruis Esperanton en kvin lokoj de la insuloj Javo kaj Sumatro, kaj ŝi vizitis ankaŭ la insulon Bali. Japana paro, gesinjoroj Huĝimoto, raportis pere de filmoj pri la tertremo kaj la cunamo, kiuj trafis ilian landon printempe, kaj pri ties konsekvencoj.

Okazis du E-kursoj, tenis-turniro, kutima ĉina gimnastiko kaj la dancvespero. Grandan sukceson havis atelieroj pri produktado de belaj ornamaĵoj el bidoj por la silvestra vespero kaj prilaborado de steatito (sapŝtono). Esperanto-retojn kaj fabelan mondon alproksimigis al ni Anna Striganova kaj Dima Ŝevĉenko el Rusio. Ni admiris ilian ekspozicion de fantaziaj kreaĵoj. Pri la tradicia sporta evento en Nijmegen informis Rob Keetlaer. La historion de enciklopedioj kaj la fonon de Vikipedio klarigis








*"Amuziĝa" Festivalo*



*"Laborema" Festivalo*

Grandan sukceson havis atelieroj pri produktado de belaj ornamaĵoj el bidoj por la silvestra vespero kaj prilaborado de steatito (sapŝtono). Esperanto-retojn kaj fabelan mondon alproksimigis al ni Anna Striganova kaj Dima Ŝevĉenko el Rusio. Ni admiris ilian ekspozicion de fantaziaj kreaĵoj. Pri la tradicia sporta evento en Nijmegen informis Rob Keetlaer. La historion de enciklopedioj kaj la fonon de Vikipedio klarigis Ziko van Dijk. Pri la moskva eldonejo Impeto parolis Dima, Anna kaj Mikaelo, pri la armena skribado Susanna Baghdasaryan, pri korea ginsengo, alta sango-premo kaj kolesterolo informis Harald Schicke. Kun Kees Ruig oni povis mediti. Aŭtoraj horoj okazis kun Mikaelo Bronŝtejn kaj Anneke Schoute-Buys. Dum vesperaj programeroj ni ĝuis rusan, nederlandan, israelan kaj internacian vesperojn. Ĉiu havis sian ĉarmon kaj alportis ion novan al la partoprenantoj. La plej elstara spektaklo estis la brila prezentado de la teatraĵo "Ludoviko" de Georgo Handzlik. Lia alia sukcesplena vespero estis gitarkoncerto. Post la fino de ĉiuj vesperaj prezentaĵoj ni translokiĝis al la "Knajpo", kie ni ĝuis bonan etoson ĝis malfruaj noktohoroj.

Jam tradicie okazis la 5-a IVU (Internacia Vintra Universitato), en kiu multaj partoprenantoj ekzameniĝis kaj ricevis diplomojn. La astrofizikisto Amri Wandel ĉiam surprizas kaj donas novaĵojn el la scienca esplorado de la kosmo. Lia plej interesa prelego prezentita dum IVU temis pri: "Novaj planedoj kaj sunsistemoj".

La tuttaga ekskurso celis nederlandan urbon Nijmegen, kie ni promenis sub la gvido de "kapitano" Kees Ruig kaj loka esperantisto. Poste ni ŝipkrozadis sur rivero Wall manĝante bongustajn patkukojn.




*Silvestra bankedo*

Post la tradicia silvestra bankedo, la balo estis inaŭgurita per polonezo. Sekvis plurfoja festado de la Nova Jaro laŭ diversaj horzonoj. La Novjara promeno laŭ la lago refreŝigis la partoprenantojn.

La festivalo estis bone organizita de nia kara HDP (Hans-Dieter Platz) kaj ni jam ĝojatendas la venontan ĉi-jarfine en Dortmund por komune ĝui neforgeseblan semajnon en amika internacia rondo.

**Liba Gabalda**

# Franca Fervojista Esperanto-Asocio invitas vin partopreni la 65-an IFEF-kongreson en Ĝirondio

Sesan fojon, je la nomo de IFEF, la Franca Fervojista Esperanto Asocio akceptos vin francien. Samtempe kaj samloke, kunlaborante kun FFEA, partoprenos tiun eventon Unuiĝo Franca por Esperanto.

La evento okazos de la 4-a ĝis 11-a de majo 2013 en sudokcidenta parto de Francio nomata Ĝirondio. La urbo elektita kiel kongres-urbo, nomiĝas Artigues-près-Bordeaux,— situanta ĉe la ĉirkaŭaĵo oriente de Bordozo (Bordeaux).

**Ni malkovru Ĝirondion.**

Ĝirondio, sudokcidenta parto de Francio, estas unu el la kvin departementoj de la franca regiono Akvitanio. Ĝi etendiĝas sur 10 000 km²-j kaj enhavas 1 287 334 enloĝantojn. Ĝirondio estas la plej vasta departemento en Francio ekskluzive de la Franca Gviano en Sudameriko.

Por kelkaj, ĝia nomo devenas de difekt-ŝanĝo de la vorto *Garono* ; por aliaj Ĝirondio originas el *Girus undoe* (kirliĝado de akvo) kaj elvokas la kapricajn akvojn movigitajn de la tajdo. Ĉiukaze la nomo Ĝirondio, granda riverego naskita de la kunfluado de la riveroj Garonne kaj Dordogne, donis sian nomom al la departemento en 1790. Ĝia ĉefurbo situas en Bordeaux.

La reliefo de Ĝirondio restas malalta (kulmino je 163 metroj). Ĝi havas limojn kun la departementoj *Landes, Lot-et-Garonne, Dordogne*, kaj *Charente-Maritime*. La tuta departemento enhavas 542 komunumojn. Ĝi proponas variajn pejzagojn :

- aluviaj valoj de la riveregoj Garono kaj Dordonjo, kie troviĝas agrikulturoj ;
- argilaj aŭ kalkaj montetoj borde de la valoj kun vitejoj ;
- sabla ebenaĵo okcidente, grandparte kovrita de arbaro.

Ĝirondio bordas la oceanon Atlantiko ; la marbordo estas malalta, rekt-linia, ĝi estas nomata “la arĝenta marbordo”. Ĝi konsistas el fajnaj sableroj alportitaj de la maro laŭ ritmo de 15 ĝis 18 m³-j jare por ĉiu metro de la marbordo ! Ĝis la XVIII-a jarcento la sablo forpuŝita de la okcidenta vento akumuliĝis sub formo de dunoj, kiuj moviĝis de 7 ĝis 25 metrojn jare orienten. Ekde la XVIII-a jarcento tiun sablo-movadon haltigis la plantado de graminacoj kaj pinoj. La duno “Le Pilât” estas la plej alta en Eŭropo (104 metrojn). La dunoj formas rubandon larĝan je 5 kilometroj. Laŭlonge de tiu dunaro viciĝas lagoj. La nura interrompo de la dunovico troviĝas ĉe la arkaŝona golfeto, kvazaŭ interna mareto.

Ĝirondian klimaton influas :

- la latitudo (45°): milda loko ;
- la oceano: la okcidentaj ventoj blovas alportante pluvon ;
- la “Gulf Stream”: varma fluo trairante proksime al la bordo, mildigante vintron.

**Departemento Ĝirondio**

Ne estas ununura Ĝirondio. Male ĝi prezentas multajn aspektojn. Ĝirondio ĉefe elvokas la regionon de la bordoza vitolando. Etendiĝante sur pli ol 100 000 hektaroj, tiu ĉi montras unu el la tipoj de la plej signifaj de la vinberkulturaj pejzaĝoj, kun siaj noblaj vinberspecioj nomataj c*abernet sauvignon*, *merlot, sémillon kaj saint-émilion*. Eblas enkapigi kelkajn famkonatajn elstarajn vinojn kiel *Château Mouton-Rothschild, Margaux kaj Saint-émilion.* Vinberejo ŝajne kovras la tutan surfacon sen iu ajn alia vegetalo. Sed fakte ĝi miksiĝas kun multaj aliaj plantoj kiel *anemonoj, lenduloj kaj tulipoj,* kreskante sovaĝe.




*Mapo de Girondio*

La prestiĝo de vinbero ne devas forgesigi ke Ĝirondio situas je la dua rango de la arbara franca departemento.

**Ĝirondio renesanca kaj klasika**

La kunligo de la regiono « Guyenne » (akvitania teritorio) al la reĝa bieno havis kiel konsekvencojn la perdon de gravaj ekonomiaj liberecoj. Komence la franca reĝo atribuis al siaj amikoj la bienojn forlasitajn de la feŭdaj sinjoroj ĵus elmigrintaj al la teritorio de la brita krono. En la urboj, la nova burĝaro veninta el la luara valo instaliĝis en belajn hotelojn, konstruitajn el belaj ŝtonoj.

La komerco, iom ĉesigita pro la interrompo de la privilegioj ordonita de la franca reĝo, dissemiĝis. La eksterlandaj komercistoj alportis salon, ŝtofojn, grenon, fiŝojn kaj aĉetis vinon, paŝtelaĵojn …

**Je plena aktiveco de la XVIII-a jarcento**

Akvitanio estis la plej prospera franca regiono dum la XVIII-a jarcento. Kiel unuaranga produktaĵo en Ĝirondio, la bordoza vino fariĝis la bazo de la loka riĉeco. La jara rikolto atingis proksimume 200 000 barelojn, kies 125 000 estis eksportataj al Britio.

Tamen la vera riĉeco de la ĝirondia komerco devenis de la negoco de la nigraj sklavoj. La ŝipoj forlasis Bordozo-n ŝarĝitaj de diversaj varoj kaj haven-haltis ĉe la afrikaj marbordoj.

En Senegalo kaj Gvineo ili interŝanĝis siajn varojn (komercaĵojn) kontraŭ la tiel nomata « ebeno-ligno » alidirite nigraj sklavoj, kiujn ili revendis en Antiloj al riĉaj posedantoj de grundo. La ŝipoj revenis Francien plenplenaj je kafo, indigo, sukero, kotono, ledo, mahagono kaj ankaŭ je altaprezaj lignoj. Gigantaj riĉaĵoj kreskis pro tiu fikomerco naskita de la tiel nomata « triangula trafiko ».

La tuta bordoza ĉirkaŭaĵo profitis de tiu ekonomia kresko, regule alportante siajn produktaĵojn al la bordozaj foiroj.

La burĝoj kaj la parlamentara aristokratio investadis senkalkule aĉetante la grundojn de Médoc, Saint-Émilion, kaj Graves. Tiu prospero okazigis la inklinon al lukso, al komforto, kiuj komence evidentiĝis en la bordoza urbo kaj poste tra la tuta akvitania regiono.

**Jean Ripoche**

# José de Paiva Netto: MONDA TAGO DE AKVO



Je la 22-a de marto 1992, Unuiĝintaj Nacioj ekdisvastigis „Universalan Deklaracion pri Rajtoj de Akvo”. La intenco de tiu teksto estis interesigi kaj ekologie konsciigi loĝantarojn kaj ties registarojn, precipe koncerne la gravecon de akvo por homa postvivado. En la sekvinta jaro, je tiu sama dato, la Ĝenerala Asembleo de U.N. deklaris, ke la 22-a de marto estas Monda Tago de Akvo.

De tiu tempo, popoloj pli kaj pli maltrankviliĝadas pro manko de akvorimedoj. Iuj analizistoj antaŭvidas en ne tro fora estonteco militkonfliktojn, surbaze de konkurado por tiu altvalora likvaĵo.

## MILITO PRO AKVO

Artikolo verkita de usona profesoro pri Ekonomiko Jeffrey D. Sachs, kiun oni publikigis en la ĵurnalo Valor Econômico, en aprilo 2009, estas unu plia konfirmo, ke bedaŭrinde tiu antaŭvidaĵo jam realiĝas: „Multajn konfliktojn kaŭzas aŭ bruligas manko de akvo. Konfliktoj – de Ĉado al Darfuro, en Sudano, de la dezerto Ogaden, en Etiopujo, al Somalio kaj tieaj piratoj, same kiel en Jemeno, Irako, Pakistano kaj Afganujo – okazadas sur granda regiono de sekaj landoj, kie manko de akvo kaŭzadas kolapson de rikoltoj, morton de brutaroj, ekstreman malriĉecon kaj malesperon.”

Kaj la artikolisto raportas: „Unesko, organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj, publikigis antaŭ nelonge Raporton pri Akvoprizorgado en 2009; la Monda Banko disvastigis profundan studon pri Hindujo (Hinda Akvoekonomio: preparado per tumulta estonteco) kaj pri Pakistano (Pakistana Akvoekonomio: pligravigo de malsekeco); kaj Asia Society disvastigis ĝeneralan analizon pri aziaj akvokrizoj (La plej proksima azia defio: garantii akvoestontecon en tiu regiono)”.

Vidu la situacion, al kiu ni alvenis. Urĝas haltigi tion. Sachs asertas, ke „tiuj raportoj enhavas similajn historiojn. La liverado de akvo estas pli nesufiĉa en vastaj regionoj de la mondo, precipe en ĝiaj sekaj regionoj. La rapida pligraviĝo de akvomanko respegulas kreskadon de la loĝantaro, elĉerpiĝon de subtera akvo, malŝparadon, malpurigadon kaj grandegajn, pli kaj pli katastrofajn rezultojn je klimatŝanĝoj pro homa agado. La sekvoj estas doloraj: sekeco kaj malsato, forperdo de kondiĉoj por postvivado, disvastiĝado de malsanoj transdonataj per akvo, deviga migrado kaj eĉ militaj konfliktoj”.

Kion fari antaŭ tia apokalipsa scenaro? La profesoro mem finas: *„Praktikaj solvoj inkluzivas multajn elementojn, interalie pli bonan administradon de akvorimedoj, teknologiojn pli evoluintajn por pligrandigi la efikecon en uzado de akvo kaj novajn investojn kune entreprenatajn fare de registaroj, fare de sektoroj de entreprenistoj kaj fare de civilaj organismoj”.*

## SENKONTROLAJ SENTOJ

Sed laŭ la sinsekvo de tagoj, tia problemo nepre kreskos, se oni ne starigos vere efikajn decidojn, kiujn oni ofte prokrastas. Eĉ en lokoj, kie tiu altvalora likvaĵo estas malabunda, homoj malrespektas tiun naturan elementon, sen kiu oni ne povas postvivi. Kiam homo havas senkontrolajn sentojn, tiam ĉio ĉirkaŭ kontaĝiĝas.

## ALIREBLECO AL TRINKEBLA AKVO

Raporto de Luana Lourenço, el Agentejo Brasil, publikigita dum 2010j, informas al ni, ke *„la mondo devos atingi la Celon de la Jarmilo redukti je duono la nombron da homoj sen alirebleco al trinkebla akvo. Kvin jarojn antaŭ la tempolimo por tiu celo, kiu estas 2015, 87 procentoj el la monda loĝantaro disponas pri fontoj por liverado de trinkebla akvo, laŭ raporto hodiaŭ disdonita [je la 15-a de marto 2010], fare de Monda San-Organizo (MSO) kaj de Fonduso de Unuiĝintaj Nacioj por la Infanaro (Unicef). Malgraŭ la progreso rilate la aliretlecon al trinkebla akvo, ciferoj pri salubrigo ankoraŭ estas malbonaj. Pli ol 2,6 miliardoj da homoj – 39 procentoj el la tutmonda loĝantaro – plu restas en tia servo. Laŭ tiu dokumento, tiu problemo ankoraŭ mortigas ĉiujare po 1,5 milionoj da infanoj malpli ol 5-jaraĝaj. Infanoj kaj virinoj, laŭ MSO kaj Unicef, estas la plej ofte atingitataj de malfacila alirebleco al akvo kaj de manko de salubrigo."*

Ni intencas timegigi neniun. Ni nur emas alstarigi informojn, kiuj postulas tujan sintenon de la surteraj loĝantaroj, nome por respekto al nia kolektiva loĝejo. Je ni lasas la atentigojn. Ne manku do, flanke de registaroj kaj de la socio, nemalhaveblaj, realĝustigaj decidoj, dum ankoraŭ estas tempo. Se la afero estas malfacila, do ni komencu tuj!

Kiel ĉiam, la Paroloj de Jesuo ŝajnas aktualaj. Kiam oni demandis Lin pri tio, kiel kondutos homoj kiam alproksimiĝos tempo de granda afliktiĝo, sciigitaj ekde la Malnova Testamento de la Sankta Biblio, tiam Li respondis, ke same kiel en la tempo de Noa kaj Lot, neglekto estos pli granda ol zorgoj postulataj de la seriozeco de la faktoj (Evangelio de Luko, 17:26 ĝis 30). Ne necesas kredi pri „tiaj aferoj religiecaj" por percepti, ke fortkolora bildo desegniĝas.

„José de Paiva Netto, verkisto, ĵurnalisto, radiokomunikanto, komponisto kaj poeto, nakiĝis je la 2-a de marto 1941, en Rio-de-Ĵanejro, RJ, Brazilo. Li estas Direktoro-Prezidanto de Legio de Bona Volo (LBV), aktiva membro de Brazila Asocio de Amaskomunikiloj (ABI), de Brazila Asocio de Internaciaj Amaskomunikiloj (ABI Inter), de Nacia Federacio de Ĵurnalistoj (Fenaj), de International Federation of Journalists (IFJ), de Beletra Akademio en Centra Brazilo, de Sindikato de Profesiaj Ĵurnalistoj en Subŝtato Rio-de-Ĵanejro, de Sindikato de Verkistoj en Rio-de-Ĵanejro, de Sindikato de Radiokomunikistoj en Rio-de-Ĵanejro kaj de Brazila Unuiĝo de Komponistoj (UBC).

* * *

## M O N D A  T A G O  D E  A K V O

Ĉi tiun artikolon verkis José de Paiva Netto, kiu estas verkisto, ĵurnalisto, radikomunikanto, komponisto, poeto, eĉ li estas direktoro-prezidanto de la Legio de Bona Volo (LBV), kaj aktiva membro de multaj organizaĵoj. Ĉi tiun artikolon li dediĉis kun ĉi tiu grava vereco: *„Akvo estas Vivo, sen ĝi iu ajn vivoformo fariĝas neebla. Malpurigi ĝin estas krimo kontraŭ la Homaro".*

**La red.**

# MEDITERANEA ESPERANTO-SEMAJNO

25.2. - 3.3.2012

Jam la 6-an fojon okazis en Francio ĉe la Mediteranea maro la Esperanto-Semajno. Organizas ĝin Monique Prezioso kaj Christine Graissaguel el la E-grupo de la urbo "Saint Raphaël". Antaŭajn jarojn ĝi okazis en la urbo "Agay" kaj ĉi-jare oni elektis la rezidejon de "Vacanciel" ĉe la marbordo de "Les Issambres". Ĝi troviĝas inter la urboj "Fréjus" kaj "Saint Tropez". La eventon partoprenis ĉirkaŭ cent geesperantistoj, precipe francoj, sed venis gastoj el aliaj eŭropaj landoj: Belgio, Ĉehio, Finnlando, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Svedio kaj Svislando. La aranĝo okazis en luksa apudmara hotelo, kie en la pasinteco feriis miliarduloj. Post ilia foriro ĝi estis transformita en libertempan restadejon kun bele aranĝita parko. Al ĝi ankaŭ apartenas kelkaj komfortaj dometoj situantaj sur monteto. En apuda konstruaĵo okazis ĉiuj aktivaĵoj de la Semajno.

Matene kaj vespere, antaŭ la manĝoj okazis E-kursoj de diversa j niveloj. Ni povis pliprofundigi niajn sciojn pri la historio, perfektigi la E-lingvon kaj ĉefe la gramatikon.

Instruis Perla Miele el Hungario, Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar el Germanio, Pascal Vilain kun sia edzino Mari-Roza kaj Daniel Moirand el Francio. Bone funkciis ankaŭ la libroservo.

La posttagmezoj estis liberaj kaj ĉiu povis elekti sian aktivaĵon. La bela naturo kun florantaj kaj bonodorantaj mimozfloroj logis al montaraj aŭ ĉemara j promenoj. Pluraj el ni vizitis pli malproksiman ĉirkaŭaĵon aŭte aŭ buse. Merkrede posttagmeze ni ŝipveturis al la famkonata (pro la filmoj pri Ĝendarmoj) apudmara somerrestadejo "Saint Tropez". De la maro ni vidis luksajn domojn kaj vilaojn de konataj francaj aktoroj, artistoj, kantistoj kaj de aliaj milionuloj. Post agrabla promenado en la pitoreska urbo ni revenis al "Les Issambres". Vespere ni povis ĝui programerojn de la hotelo (kabaredo, kantado, maskobalo...) kaj ankaŭ la niajn. Peter kaj Zsófia prezentis al ni la Esperanto-urbon "Herzberg" en Germanio kiei li vivas kaj aktivas. Ili invitis la ĉeestantojn al la fervojista kongreso, kiu okazos tie en majo. La geedza paro Hubert kaj Michèle el Belgio prezentis siajn E-aktivaĵojn dum la jaro 2011, Saliko el Finnlando parolis pri sia lando kaj ties kutimoj. Jean-François Cousineau el Francio prezentis unikan filmon pri sia vojaĝo al Sumatro kaj ties aventuroj. La lasta vendreda vespero estis dediĉita al prezentoj de la partoprenantoj. Ni aŭdis kantojn, poemojn, skeĉojn, humuraĵojn kaj fine oni ankaŭ invitis al dancado en akompano de akordionoj. La etoso estis gaja ka jagrabla. Sabate matene okazis lastaj kursoj kaj post la tagmanĝo ĉiuj disiĝis al siaj hejmoj. Ni ĝuis agrablan semajnon en bela regiono de suda Francio, kie abundis florantaj mimozoj.



**Liba Gabalda**

# EL FERVOJA MONDO

*Aŭstrio:* ***RCA* retiriĝas el okcidenta Eŭropo**

Vartrafika kompanio *Rail Cargo Aŭstria* (*RCA*) retiriĝas el hispana kaj skandinavia merkatoj. Samtempe tiu ĉi filio de Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj *ÖBB* deziras pli orientiĝi al orienta Eŭropo kaj Turkio. Tiu ĉi nova strategio estas parto de saniga programo, kiun anoncis holdingo *ÖBB*. La filiaj firmaoj *RCA Express-Interfracht* en Hispanio kaj en Svedio baldaŭ finos sian agadon. Aliflanke *RCA* planas aĉeti post du jaroj ekspedistan firmaon en Turkio. „Kiam ni precize prijuĝas transportfluojn direkte orienton, ni vidas grandan kreskan potencialon ĝis en Turkio", diris la strategia estro *ÖBB Clemens Först*. Tia aventuro, kiel transpreno de hungara fervoja entrepreno *MÁV Cargo*, jam ĉe *ÖBB* denove ne ripetiĝu", certigis *Först*.

*Aŭstrio:* **Tunelo *Lainzer* malŝarĝigos vienan trafikon**

Grava konstruado de viena fervojnodo jam eniris pluan etapon. En la tuta longo de la tunelo *Lainzer* estas sternita la unua trako, kaj tra la tunelo tiel povas veturi la relveturiloj. Ŝanĝiĝis tiel ankaŭ la konstrua teknologio kaj loĝistiko en transporto de materialo por la konstruado. Nun tiu estas transportata sur la finkonstruita suda trako. En 12,3 km-jn longa tunelo nun jam estas sternitaj, pretmuntitaj trakpartoj en longo 15,5 kilometroj. Tio estas ĉirkaŭ du trionoj de la tuta longo 25,3 km da trakoj, kiuj estos kunlige kun tiu ĉi konstruo sternitaj. Antaŭ propra muntado de la trakoj okazas ankaŭ preparo de la trakmaterialo. En la tunelo estas uzita trako senbalasta, kies bazo estas 5,2 metrojn longaj platoj, sternataj kun milimetra precizeco per rapido 60 metroj da veturvojo en tago. Por redukti bruon kaj vibradon en la tunelo krome estas uzita maso-elasto-sistemo, kiu enhavas elastajn elementojn enmetitajn inter trako senbalasta, kaj konstrukciaĵo de la tunelo. En la konstruado laboras 220 dungitoj, kaj laŭ plano fine de la jaro 2011 la tunelo estos baze finkonstruita.

Unuaj regulaj trajnoj traveturos la tunelon *Lainzer* ekde komenco de la horaro 2012/2013. La tunelo estos solene malfermata samtempe kun nova fervojlinio Vieno-St. Pölten. En la unua fazo ĉi tien estos deturnataj vartrajnoj kaj la nokta trajnkunligo Munkeno-Budapeŝto kun haltejo en la stacio *Meidling*. Plenan ekspluatadon de la tunelo oni planas kun inaŭguro de trafiko en nova Ĉefa stacio je la fino de la jaro 2014. Tiam en la tunelon *Lainzer* estos deturnata ankaŭ la tuta longdistanca pasaĝertrafiko inter la stacioj de okcidenta linio *Westbahn* kaj la Ĉefa stacio.

La tunelo *Lainzer* troviĝas en la sudokcidenta urborando de Vieno kaj kunligas *Westbahn* en loko de fino de la nova linio St. Pölten-Vieno, ĉe rando de montetaro Viena Arbaro (*Wienerwald*) kaj suda linio *Südbahn* kaj danublanda linio *Donaulänerbahn* en la proksimeco de la fervoja stacio *Meidling*.

*Britio:* **Vartrafiko sub la kanalo Maniko**

Sur linio iranta sub Maniko, la Kanalo de Atlantiko, inter Francio kaj Anglio povas esti trafiki ĉiam pli grandaj vartrajnoj. En tiu ĉi koincido en Britio estis baptita grandrapida lokomotivo destinita por vartrafiko – ĝi ricevis karakterizan nomon *Marco Polo*. La bapto okazis en spaco de tunelo *DB Schenker* proksime de *Folkestone*. Al la enkonduko de la regula fervoja vartrafiko sur menciita linio antaŭis preparlaboroj kaj testado en tempo de kvin monatoj.

Kompilis **Jindřich Tomíšek**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Misztótfalusi Nyomdaipari Kft.
Hungarlando
**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz“

# EŬRO - PALEDO

78 najloj, 9 lignaj blokoj kaj 11 tabuloj - jen la simpla recepto de klasikulo de la logistiko: La EURO-PALEDO, kies mezuroj: 80 x 120 x 14 cm, dum la 50 jaroj ne ŝanĝiĝis.
Pli ol 500 milionoj da paledoj estas ĉiam en cirkulo, kaj jen bonega interŝanĝ-sistemo en Eŭropo – ĝi funkcias! –- kaj la paledoj multe vojaĝas.










Nur fabrikoj, kiuj ricevis permeson de la Eŭropa Paled-Organizo EPAL, rajtas produkti kaj liveri paledojn, ĉar la kvalitpostuloj estas altaj.
En aprilo 2011 EPAL festis la naskiĝtagon kun la Internacia Fervojunio UIC, kiu siatempe iniciatis la produktadon.

**Jan Niemann**